# VERDA STELO

GAZETO ESPERANTISTA

LA MALKARA MONATA ORGANO INTERNACIA DE ĈIU ESPERANTISTO

**Abono**

Provizore ni akceptas nur abonojn por 15 monatoj (okt. 1926 ĝis dec. 1927) kontraŭ antaŭa pago.

Simpla abono por 15 monatoj 3.— sv. fk

Kolektivaj abonoj al unu adreso: minimume 5 abonoj po 2.40 sv. fk.; minimume 10 abonoj po 1 80 sv. fk.; minimume 25 abonoj po 1.5 sv. fk.

Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

Kiu ankoraŭ ne ricevis la oktobran numeron, speciale menciu tion ĉe abonmendo.

**Reklamo.**

Anoncoj: po unucentimetra kolonero (8,5 cm larĝa) egalvaloro de 3.— sv. fk.

Anoncetoj (nur kontraŭ antaŭa pago): po enpreso kaj vorto (aŭ mallongigo) egalvaloro de 0.10 sv. fk., minimume 1.— sv. fk.

Rabato: 3 foje 10%, 6 foje 15%, 12 foje 20%.

Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

Adreso:
Heroldo de Esperanto
Horrem bei Köln (Germanujo)
Fako: Verda Stelo.

Redaktoro: Teo Jung.

Poŝtĉekaj kontoj:
Germanujo: Köln 75102 Heroldo de Esperanto, Horrem.
Danujo 4962, Heroldo de Esperanto, Horrem (Germanujo).

**Diverslandajn valutojn**
ni akceptas je sekvanta kurzo:

0.10 svisa franko = 0.05 arg. peso, 1 angla penco, 0.14 aŭstra ŝilingo, 0.75 belga franko, 0.13 braz. milr., 3 bulg levoj, 0.65 ĉsl. krono, 0.07½ dana krono, 8 est. markoj, 0.80 finna marko, 0.70 fr. franko, 0.08 germ. marko, 1.70 gr. drakmoj, 0.12½ hisp. peseto, 1400 hung. kronoj, 0.55 itala liro, 0.04 jap. jeno, 1.10 jsl. dinaroj, 0.10 latva lato, 0.20 litova lido, 0.05 nederl. guld., 0.09 norv. krono, 0.18 pola zloto, 0.40 port. eskudo, 5 rum. leoj, 0.07½ sveda krono, 0.04 turka funto, 0.02 urugv. peso, 0.02 usona dolaro,

La diversajn valutojn ni akceptas nur el la koncernaj landoj, sed el ĉiu lando ni akceptas pagon per sv. fk., germ. rmk., us. dolaro, angla funto aŭ sveda krono. Rusoj pagu al la agentejo de Heroldo: A. Dunajev, Smolnij prosp. 15, kv. 11. Leningrad, laŭ kurzo: 0.10 sv. fk. = 0.04 or-rubl. kaj 20% por perado.

**N-ro 2** — **Novembro** — **1926**


# Esperanto progresas.

## Esperanto.

**S-ino Dave H. Morris, naskita Vanderbilt, parolis en Internacia Domo en Novjorko antaŭ pli ol 600 studentoj, reprezentantaj 60 diversajn naciojn, pri la problemo de internacia lingvo. 111 studentoj aliĝis al Esperanto-kurso, kiu komenciĝis la 21 okt.**

**Sveda princo Carl, filo de la duko de Vestergøtland kaj bofrato de la kronprinco de Belgujo, antaŭ nelonge finis Esperanto-kurson per bonsukcesa ekzameno por la diplomo de Sveda Esperanto-Instituto.**

**En Sovet-Unio ekzistas nuntempe ĉ. 10000 organizitaj esperantistoj.**

## English.

**Mrs. Dave H. Morris, née Vanderbilt, spoke at the International House New-York to an assembly of more than 600 students, representing 60 different nationalities, about the problem of an International Language. 111 students joined an Esperanto Course which started on the 21st of October.**

**Prince Carl of Sweden, the son of the Duke of Vestergötland and a brother in law to the Belgian Crown-prince, has recently finished an Esperanto Course. After a special examination, organised by the Swedish Esperanto Institute, he gained a diploma of profficiency.**

**In Soviet Russia there are now about 10000 organised Esperantists.**

## Deutsch.

**Frau Dave H. Morris geb. Vanderbilt sprach im Internationalen Haus in New-York vor mehr als 600 Studenten, die 60 verschiedene Nationen repräsentierten, über das Problem der internationalen Sprache. 111 Studenten meldeten sich zu einem Esperanto-Kurs, der am 21. Oktober begonnen hat.**

**Prinz Carl von Schweden, der Sohn des Herzogs von Westergötland und Schwager des Kronprinzen von Belgien, hat kürzlich nach Absolvierung eines Esperanto-Kurses die Prüfung für das Diplom des Schwedischen Esperanto-Instituts mit gutem Erfolge bestanden.**

**In der Sowjet-Union gibt es zur Zeit etwa 10000 organisierte Esperantisten.**

## Français.

**Mme Dave H. Morris, née Vanderbilt, a parlé dernièrement à New-York du problème d'une langue internationale. Sa conférence a eu lieu à la Maison Internationale devant un auditoire de plus de 600 étudiants, représentant plus de 60 nationalités diverses. 111 étudiants se sont fait inscrire pour un cours qui a commencé le 21 octobre.**

**Le Prince Charles de Suède, fils du duc de Vestergötland et beaufrère du kronprinz de Belgique, vient de terminer un cours d'esperanto. Il a passé avec succès l'examen organisé par l'Institut suédois d'esperanto et en a obtenu le diplôme.**

**Dans la république des Soviets, il y a actuellement environ 10000 espérantistes organisés.**

## La komenca sukceso de Verda Stelo

estas plene kontentiga. Jam en la unua semajno post ekspedo de la unuaj specimenaj ekzempleroj alvenis abonoj el diversaj landoj, eĉ multaj kolektivaj abonoj po 25 ekzempleroj aŭ pli. Ni povas jam nun diri, ke la ekzistado de Verda Stelo por la unua jaro estas tute certigita.

Nia sukceso pruvas al ni, ke nia ideo, eldoni kiel eble plej *malkaran gazeton*, estis prava. Liveri pli malkaran kaj samtempe bonkvalitan kaj fidindan gazeton, ŝajnas fakte neeble. Iom post iom, ni ne dubas, *Verda Stelo* estos trovata *en ĉiu grupo*, ne nur en unu sola ekzemplero, sed ĉe ĉiu iom fervora membro.

Tial grupoj, kiuj — dubante pri la sukceso de Verda Stelo — hezitis aboni tuj, ne plu prokrastu kaj

**mendu amas-abonojn!**

## Kelkaj voĉoj pri Verda Stelo

**elĉerpitaj el multego da similaj leteroj.**

Pri la nova gazeto Verda Stelo mi multe ĝojis, kaj mi esperas, ke aliaj ĝojos same kiel mi. Tia *malkara* gazeto, kiu unuigas ĉiujn esperantistojn, ĝis nun mankis. Tial mi esperas por Verda Stelo plej grandan disvastiĝon. Ĉie, kie mi montris la gazeton, ĝi plaĉis, kaj oni promesis aboni.

*A. S.* en Berlin.

Ni intencas propagandi kaj subteni per nia rekomendo vian novan tre bonvenan gazeton Verda Stelo. Ĝi estas tre bona informilo kaj tre malmultekosta. *Sudslava Esp Servo* en Zagreb.

Gratulon! La unua numero de la nova „infano" tre plaĉas . . . Ĉiukaze vi „batis la rekordon" laŭ prezo-malalteco. *B.* en G.

En la hieraŭa estrarkunsido estis decidite energie subteni Verdan Stelon, tiel ke eble estos 100 abonoj. Tio estis bonega penso, mi deziras elkore plej bonan sukceson. Volonte mi rekomendos V. S. en ĉiuj kursoj. *G.* en B.

. . . Ŝajnas al mi speciale taŭga por komencantoj kaj kursanoj; sed ankaŭ jam perfektaj esperantistoj legos ĝin kun intereso. La titolo estas, pro la verdkolora stelo, tre efika. La gazeto ankaŭ bone taŭgas por propagando inter neesperantistoj. *E. G.* en H.

## Tra Esperantujo.

### Dekreto de la greka registaro.

La greka registaro publikigis dekreton (n-ro 57363 de 28. 10. 1926), kiu favorigas la enkondukon de Esperanto en la instruistaj institutoj de Greklando. Alia dekreto (n-ro 60038 de 29. 10.) enoficigas D-ron A. Stamatiadis kiel Profesoron por gvidi la kursojn ĉe la koncernaj institutoj.

### Jubilea jaro de Esperanto.

Jubilea jaro estos la venonta jaro 1927, ĉar la unua broŝuro de „D-ro Esperanto" aperis en 1887. La Fakestro por Statistiko ĉe la Internacia Centra Komitato de la Esperanto movado direktis alvokon al la tutmonda samideanaro por ricevi kiel eble plej baldaŭ fidindan statistikan materialon pri la nuntempa tutmonda stato de nia movado. La statistiko estas aperonta okaze de la jubileo en 1927.

### Studvojaĝo per Esperanto.

Tri finnlandaj oficistoj de fervojo nuntempe faras, subvenciate de sia registaro, studvojaĝon tra 15 eŭropaj landoj. Krom la finna lingvo ili scipovas nur Esperanton.

### Esperanto kaj Radio.

Kun la vintra sezono multaj radio-stacioj denove dissendas paroladojn pri kaj per Esperanto kaj Esperanto-kursojn. Lastatempe ni aŭdis pri Esperanto-paroladoj aŭ kursoj el radio-stacioj en Wien, Berlin, München, Nürnberg, Dublin, Falun, Zagreb, Novosibirsk, Sydney, Tokio k. a.

### 13-aj Internaciaj Esp. Floraj Ludoj.

Kiel ĉiujare, ankaŭ en 1917 okazos la Internaciaj Esp. Floraj Ludoj, kies konkursojn povas partopreni ĉiu verkema samideano. La premioj konsistas precipe en monsumoj de 25-100 pesetoj. La verkanto de la plej bona ama verko (poemo aŭ prozaĵo) akiros la Naturan Floron kun la rajto elekti la Reĝinon de la festo. Loko de la venontjara festo estas Sóller sur insulo Majorko. Adreso de la sekretario de la Floraj Ludoj: s-ro Delfi Dalmau, Carrer Valencia 245, Barcelona.

### La bilanco de la Dekoka.

La bilanco de la 18-a Universala Kongreso de Esperanto en Edinburgh montras la financan sperton de la skotaj samideanoj. La profito de la kongreso estas 219-4-11 sterl. funtoj (ĉ. mil dolaroj), el kio Internacia Centra Komitato ricevos 208 funtojn, la cetero restas por la enlanda propagando. Krom tio restas 21 funtoj kiel rezervo por eventualaj neantaŭviditaj elspezoj. — La kongreson aliĝis entute 958 personoj (481 virinaj, 479 viraj) el 39 nacioj.

### Kongresoj kaj konferencoj.

La 14-a Japana Esp. Kongreso, okazinta de 24 ĝis 26 septembro en Tokio, havis brilan sukceson. Partoprenis ĉ. 200 kongresanoj. La propagandan kunvenon „Verda Vespero" ĉeestis ĉ. 1500 personoj.

Tutpollanda Esp. Konferenco okazis en Krakovo (30. 10.—1. 11.)

Inter studentoj komencas vigliĝi la esp. movado. Jus okazis en Lyon (Francujo, 31 10.—1. 11.) Tutfranca Universitata Esp. Konferenco. Nova universitata esp. grupo fondiĝis ĉe la universitato de Liverpool (Anglujo). En Novjorko 111 studentoj anoncis sin por esp. kurso. (Vidu ĉi supre „Esperanto progresas".)

### Subvencion de 1500 Rmk.

konsentis la urba administracio de Offenbach am Main (Germ.) por la instruado de Esperanto en la lernejoj. La infanoj ricevas senpage ĉiujn lernolibron, kajerojn kaj vortarojn. Ankaŭ la instruisto ricevas malgrandan kompenson.

Funkcias du kursoj por progresintoj kaj ses kursoj por komencantoj. Aliaj urboj imitu la ekzemplon de la progresema urbo Offenbach!

### Esp. paroladoj kaj kursoj

okazas ĉiulande. Estas neeble mencii ilin ĉi tie. Interesatoj trovas ilin en la ĉiusemajna „Kroniko" de „Heroldo de Esperanto".

## Tra la mondo.

Dum la lastaj semajnoj rigardante en gazeton, oni preskaŭ ĉiam trovis informojn pri naturelementoj, kiuj suferigis jen tiun jen alian parton de la terglobo. Precipe la ventegoj ne volas trankviliĝi. Post la terura malfeliĉo, kiu trafis Floridon kaj kiu interalie detruis la florantajn urbojn Miami kaj Palm Beach, la „eldoradojn" de amerikaj milionuloj, oni nun legas pri simila malfeliĉo en Kubo kaj sur la Bermuda-insuloj. En Kubo la uragano kaŭzis grandan domaĝon, kaj pli ol 600 homoj pereis, sur la Filipinoj pli ol 400. Ankaŭ en Japanujo kaj Eŭropo (precipe Norda Germanujo kaj Nederlando) furiozis la ventego. En Sovet-Unio tertremo duone ruinigis la urbon Leninakan kaj mortigis pli ol 300 homojn. En Japanujo eruptis vulkano Hekkaido, feliĉe ne postulante viktimojn.

En nordaj landoj nun komenciĝis la vintro. Eĉ pli sudaj regionoj jam vidis la unuan neĝon.

La milita furio ankoraŭ ne ripozas. En Ĥinujo daŭras la bataloj de la generaloj. La Kantonarmeo sun Ĉankajŝek konkeris post sessemajna sieĝo la urbon Vuĉan, poste ankaŭ Nanĉan, la ĉefurbon de la provinco Kiansi, Kiukjan apud rivero Jankcekjan kaj Hukaŭ. La venkita marŝalo Ŝunĉvanfan forkuris al Nankin. Oni jam timas eĉ por Ŝanhaj. Vupejfu eksiĝis.

Insida atenco estas ĉiam abomeninda, egale ĉu ĝi trafas la faŝistan „Dukon" Mussolini aŭ ĉu ĝi estus trafinta Lenin'on aŭ Vilhelmon aŭ iun simplan homon. Tia atenco nur servas por plifortigi la pozicion de la atencito kaj por eĉ pli firme arigi la anojn ĉirkaŭ sia gvidanto. Kvankam neniu bona demokrato aŭ liberemulo ekster Italujo konsentos kun ĉiuj agoj kaj paroloj de Mussolini, neniu povos nei, ke la faŝismo per sia severa disciplino kaj sia celkonscio en la enlando multrilate atingis bonajn rezultatojn.

Ĉiu regformo havas sian por kaj kontraŭ. Ĉiu celas finfine la plej bonon almenaŭ de la propra popolo, se ne de la tuta homaro. Alia afero estas, ĉu la bonaj celoj efektiviĝas aŭ ne — tio plejgrandparte dependas de la homoj, kiuj estas respondecaj pri la regado. La plej taŭga regformo ne kreas bonon, se la registaro ne taŭgas. Cetere, jam la diversaj tempoj kaj cirkonstancoj kondiĉas diversajn regformojn. Tial, kiu — ankaŭ sur la kampo de politiko — iras kun sia tempo, estos malplej seniluziigita.

## Ĉu ofero.

*Esperanto* estas *kulturfaktoro*, la *Esperantomovado* estas *kulturmovado*, kaj *ni*, esperantistoj, estas la *pioniroj* de tiu kulturmovado.

Neniam oni povas enkonduki novan kulturfaktoron sen oferoj. Ankaŭ la esperantistoj devus oferi. Tempon kaj monon. Ĉu ili efektive oferas? Ekzistas kelkaj, kiuj tion faras; sed ne estas multaj, alie niaj gravaj organizaĵoj, niaj ĉefaj gazetoj ne bezonus tiom lukti por sia nuda ekzistado.

Troviĝas esperantistoj, kiuj senhezite pagas kotizon de 50 aŭ de 100 frankoj por sia distra aŭ amuza „klubo", sed por Esperanto ili eĉ ne disponigas 10 frankojn.

Mi konas junan samideanon, kiu ofte plendas pri multekosteco de esp. organizaĵoj kaj gazetoj. Sed li fumas potage 20 cigaredojn. Mi diris al li: Se vi, anstataŭ 20 cigaredoj, fumas nur 18 cigaredojn potage, vi ŝparus sufiĉe da mono por pagi vian kotizon al UEA kaj vian abonon al Heroldo! — Kaj lia respondo: Cigaredoj estas por mi *vivnecesaj*; mi ne volus ŝpari eĉ unu cigaredon por Esperanto.

Ĉu tiu junulo ĝuste komprenis la valoron de Esperanto? Certe ne. Sed tiaj samideanoj estas multaj: centoj, miloj! Ĝuste ili estas tiuj, kiuj ĉiam plendas pri multekosteco de kotizoj kaj kiuj ĉiam krias pri „oferado". La tute malriĉaj samideanoj, por kiuj jam estas efektiva ofero pagi la kotizon al sia nacia aŭ faka asocio kaj aboni tiel malkaran gazeton, kiel estas Verda Stelo, kutime estas la plej oferemaj. Ilin *ne* celas tiu ĉi riproĉo.

Ĝenerale oni tro ofte rakontas al la esperantistoj, ke ili oferas. Ili *devus* oferi, jes; sed efektive ili *ne* oferas. *Almozojn* ili donas kelkfoje, sed ĉu almozo jam estas ofero? Kion signifas malgranda kotizo aŭ iom da peno per vizitado de kurso aŭ kunsido? Ĉu oferon? Ne, nur *devon* de homo, kiu konscias la celon de sia ekzistado kaj agado.

La malmultaj gesamideanoj, kiuj *efektive oferas* por la granda kulturideo, kiun reprezentas Esperanto, ne eltrumpetas tion; ili oferas silente. Monon, laboron, amuzon, sanon. Ne de ĉiu esperantisto oni postulas tiom. Sed oni rajtas postuli, ke la esperantistoj donu almenaŭ al siaj plej gravaj institucioj, organizaĵoj kaj gazetoj tion, kion ili nepre *bezonas* por vivteni sin. Kiu eĉ tion volas rifuzi, tiu ne povas pretendi, ke li estu konsiderata kiel esperantisto. Ĉar tio jam *ne* estas *ofero*, sed simpla *devo*.

### *Antaŭ la finvenko.*

*Nur kuraĝon, karaj fratoj:*
*Vivu la Espero!*
*Jam el malproksim' salutas*
*La revita tero.*
*Verda ter', Esperantujo,*
*Jam ne fantazia.*
*Baldaŭ estos realaĵo*
*Korsopiro nia.*

*Blovu, freŝa, forta vento!*
*Streĉu nian velon!*
*Fratoj, lastan forton donu:*
*Vidu jam la celon!*
*Verda ter', Esperantujo,*
*Jam ne fantazia.*
*Baldaŭ estos realaĵo*
*Korsopiro nia.*

*Hojho, kiel nia ŝipo*
*La ondegojn fendas!*
*Jen sur bordo nin abunda*
*Rekompenc' atendas.*
*Verda ter', Esperantujo,*
*Jam ne fantazia.*
*Baldaŭ estos realaĵo*
*Korsopiro nia.*

*Do, kuraĝon, karaj fratoj!*
*Vivu la Espero:*
*Baldaŭ atingita estos*
*La revita tero!*
*Verda ter', Esperantujo,*
*Jam ne fantazia.*
*Baldaŭ estos realaĵo*
*Korsopiro nia.*



## Fama hungara verkisto Rákosi por Esperanto.

Ĝojiga kaj salutinda okazo estas, ke la plej fama hungara publicisto, maljuna verkisto kaj politikisto Eŭgeno Rákosi skribis en la jam tridekdujara semajna literatura revuo „Uj Idök" ĉefartikolon pri Esperanto.

Eŭgeno Rákosi, konata ankaŭ en eksterlando, naskiĝis en jaro 1842. Li verkis teatraĵojn, romanojn, novelojn, kiuj en la fino de antaŭa jarcento akiris grandan sukceson sur la scenejoj de plej fama hungaraj teatroj. Liaj estetikaj verkoj, tradukoj, i. a. de Shakespeare, popoldramoj fariĝis popularaj kaj literaturaj valoraĵoj. Per sia propra granda jurnalo li dum jardekoj influis la tutan hungaran jurnalistaron. Li estis membro de la nun ne kunsidanta hungara magnata parlamento. Nun li ne plu havas propran jurnalon, sed verkas en diversaj gazetoj kaj revuoj, inter kiuj en „Uj Idök", kiu portas la nomon, kiel redaktoro, de alia fama hungara verkisto: Francisko Herczeg.

La artikolo de Rákosi aperis sub titolo „La lingvo" kaj pritraktas ĝenerale la demandon pri lingva multeco, pri ŝanĝo kaj formado de naciaj lingvo-trezoroj. Li konkludas je Esperanto, kiun „kreis geniulo" — „tiel pli perfekte, ol ĉiuj eksperimentintoj antaŭaj, ke ĝi jam havas notindajn sukcesojn." Li skribas pri niaj kongresoj, literaturo, pri simpleco de la gramatiko kaj fonetiko de la elparolo. Estas domaĝe, ke, ne konante profunde la lingvon, li tamen opinias, ke ĝi estas sen interna varmeco, vivo, melodio, estetiko. Li tute ne konas la vivforton donantan internan ideon kaj la esperantisman sentadon de nia lingvo. Oni devas lin inviti, ke li aŭskultu literaturan vesperon kaj koncerton esperantistan. Cetere liaj vortoj pledas tute por Esperanto:

„La sukceso de la nova lingvo estas, ke ĝi ne estas nova. Ĝi prenas sian materialon el la ĉefaj eŭropaj lingvoj, do ĝiaj konataj vortradikoj, formoj estas el la gramatikoj de la indogermanlingvoj simpligitaj ĝis senfineco, la elparolo okazas laŭ la originalaj sonoj de la latina ABC. Pro tiuj ecoj ĉiu instruita homo povas ĝin ludante kaj rapide akiri." — „En skribado, korespondado sendube ĝi povas fari eminentan servon. La neceson por krei tian internacian lingvon tiam eksentis la homoj, kiam la naciaj lingvoj enpenetris en la mondon de la inteligentaj klasoj, kaj la scienco, literaturo kaj diplomacio — leĝfarado kaj la aliaj — faligis la ĝistiaman lingvon de la inteligenteco: la latinon. Por la ludo de tiel rolo estus destinita Esperanto." — „*Ke ĝi estas por tiu celo tre sprite, per eminenta ĉirkaŭrigardo kaj takto, kreita, tio estas certa.*"

## Siringo.

De *E. Ĉirikov.*

Aĥ, kiel bonege odoras siringo en printempa frumateno, kiam la suno ankoraŭ ne forpelis la noktan malvarmeton kaj la roson ankoraŭ ne eltrinkis de ĝiaj floroj kaj folioj!

Iam, estante ankoraŭ juna, mi revenis de eksterurba promenado kun aminda, bela knabino. Simile al gajaj birdoj ni estis eliĝintaj el la boato kaj dividintaj nin po du kaj disirintaj tra la urbo por akompani unu la alian.

La suno nun estis leviĝanta super la urbo, ekbruligante orajn fajrojn sur la preĝejaj kupoloj, krucoj kaj en la fenestroj de altaj domoj. La stratoj ankoraŭ estis malvarmaj kaj senbruaj, kurtenoj kovris la fenestrojn de la domoj. Tie, post la fenestroj, ĉiuj ankoraŭ dormis. Niaj piedfrapoj sone aŭdiĝis tra la silento de l' frumateno. Aĥ, kiel bonege odoras siringo en printempa frumateno, kiam vi estas dudekjara junulo kaj kiam apud vi, ĝoje ektremetante dum ĉiu renkontiĝo de la rigardoj kaj ridetoj, iras ĉarma, aminda knabino!

— Deziru al mi branĉon de siringo!

— Blankan?

— Jes . . . Ne, violan!

Ni haltis. La barilo estis alta kaj glata, kaj najloj estis batitaj en ĝin. La provo fleksi siringarbuston finiĝis per bela malsukceso: pluvsimile superŝutis nin la siringo per aromaj gutoj da roso.

— Almenaŭ unu branĉon!

Maltimeme mi ekrampis la barilon por ŝteleti siringon por la bela, amata knabino. Rusta najlo vundis mian manon, sed mi ne rimarkis tion, ĉar nenian doloron mi eksentis. La kapo turniĝis de dolĉa bonodoro, siringbranĉoj kraketis sub mia mano, kaj de ili saltadis rekte en la vizaĝon gutoj da roso. Ĝoje ridis la knabino, sur kiun mi deskuis la aroman pluvon de la matenroso.

Mi estis preta rompi por ŝi ĉiujn florantajn siringojn en la mondo, ĉiujn blankajn kaj ĉiujn violajn.

— Sufiĉas!

Mi heroe desaltis de la barilo. Ĝojaj, gajaj, amantaj okuloj brilis silentan dankemon.

— Tio estas por vi . . . je memoro . . .

Ŝi eksilentis kaj, ruĝiĝante, kaŝis la vizaĝon en la siringon.

— Je memoro . . . pri kio?

— Pri tiu ĉi promeno, pri tiu ĉi mateno . . . pri la siringo . . . pri tio, kiel bonege ĝi aromas frumatene . . ., diris la knabino kaj proksimigis al mia vizaĝo la malseketan siringbukedon.

— Kio okazis al via mano? Sango!?

Nur nun mi vidis la sangantan vundon sur mia mano.

— Ĉu ĝi doloras?

— Ne . . . tio ankaŭ estos memoraĵo.

La knabino donis al mi malgrandan silkan tuketon, mi ĉirkaŭis per ĝi la manon kaj iris, simile al heroo, ricevinta vundon dum batalo je honoro de amata knabino. Kiam ni haltis por adiaŭi, la knabino deprenis la tuketon.

— Donacu ĝin al mi!

— Ne, mi prenos ĝin . . . kiel memoraĵon!

Mi donis ĝin, ja la tuko estis ruĝigita de mia sango.

Sed jen — abomena prozo de l' vivo . . . Ĝi ĉiam sin enmiksas kaj deŝiras la flugilojn de ni en la momento, kiam ni sentas nin pretaj suprenflugi al la blua alteco de malproksimaj ĉieloj.

Kun sopiro kaj feliĉo mi tenis la delikatan, tremetantan maneton de l' knabino kaj ne ellasis ĝin, dezirante malproksimigi la disiĝon ankoraŭ je kelkaj sekundoj. Mi rigardis la ardantan knabinan vizaĝon, duone kaŝitan de la siringa bukedo, kaj ebriiĝis ne sciante, ĉu de la bonodoro de l' siringo aŭ de la ardantaj vangoj aŭ hontemaj rigardoj . . . Eliris kun balailo dormema, malaborema kortisto, ekgratis la nukon kaj diris:

— Malbone, sinjoro, malbone! Vi disŝiris vian pantalonon!

Mi turnis min. La knabino eltiris sian maneton kaj forkuris, sone ridante, en la korton. Forkuris . . . kial?

— Kion vi diris, kortisto? Kiel vi rajtis?

La kortisto klarigis al mi, kio okazis. Mi rigardis mian vestaĵon kaj ruĝiĝis de honto, indigno, ofendo. Kvazaŭ oni surkraĉis mian branĉon da blanka siringo. Malrapide mi iris al mia hejmo. Sonoris sonoriloj al frua diservo, ruliĝis sur la pavimo ankoraŭ malofte veturiloj, krakis malfermataj pordoj. La vivo komenciĝis.

Ĝis nun mi memoras la printempan fruan matenon, la barilon kun najloj, la siringarbuston kun dependantaj branĉoj, la aromajn roskakadojn, la honteman knabinvizaĝeton elrigardantan el post la bukedo de blankaj kaj violaj siringoj.

Kaj ĝis nun mi aŭdas la maldelikatan voĉon de la kortisto, kiu fortimigis la sorĉajn sonĝojn kaj la bonodoron de l' printempa mateno.

Aĥ, kiel bonege aromas siringo en printempa frumateno, kiam la suno ankoraŭ ne eltrinkis ĝian roson, kiam vi estas nur dudekjara kaj kiam apud vi estas ĉarma amata knabino!

El rusa lingvo tradukis *I. Dratwer.*

### La plej bela mano.

Legendo el la Bohema arbaro.

Antaŭ multaj, multaj jaroj vivis reĝo, al kiu tri filoj estis naskitaj en la sama horo. Sentinte, ke li mortos baldaŭ, li vokis la filojn al sia lito kaj diris: Vi scias, ke mi amas vin, vin ĉiujn sen diferenco. Sed vi scias ankaŭ, unueco devas regi en lando. Do venu al mi, kaj ĉiu donu al

„Antaŭ mi kuŝas la belega, ilustrita eldono de »La tragedio de la Homo« en la lingvo Esperanto. Se mi rigardas ĝin, ĝi estas kiel ĉiu alia nekonata lingvo. Ĉiuokaze ĝi pruvas, ke *lingvo konstruita per genia homa menso estas tiel perfekte evoluigita, ke oni povas tian altnivelan verkon traduki en ĝin.* Mi opinias, ke la granda kaj entuziasma esenco de la hungaraj esperantistoj estas dokumentita per tiu verko, la popoloj de la mondo — de la bordoj de la Atlanta oceano ĝis la bordo de Orientazio — nur malmulton konas pri tiu mirinda hungara kreaĵo; sed tra la mano de ĉiuj esperantistoj de la tuta mondo povas pasi tiu ĉi libro. Ĉar Esperanto similas iom al la religiofondoj kaj ĝiaj adeptoj estas tiel entuziasmaj, fanatikaj, kvazaŭ la adeptoj de nova religio, kaj tiel dirite ili sentas sin en frata ligo kun la aliaj. *Tiu ĉi meĥanika lingvo estas sendube unu plej konsiderinda faraĵo de la nova epoko kaj ĉiu bone agas, kiu subtenas la hungaran Esperantoaferon.*"

Tiel gravaj vortoj de tiel grava loko kaj de tiel grava kaj konservativa persono ankoraŭ ne eksonis en Hungarujo.

# El Scienco kaj Tekniko.

## Diversaj sciindaĵoj pri nia Tero.

Ke nia Tero kun posekunda rapideco de 30 kilometroj kuregas tra la universo kaj pezas ĉ. 6 kvadrilionojn (6 kun 36 nuloj) da kilogramoj, vi certe scias. Sed pli grandan embarason vi sentos, se sonos la demando: Kiun grandecon havas la duoninsulo Arabio kompare kun la Apenina duoninsulo? Mi demandis pri tio dek sinjorinojn kaj dek sinjorojn. La respondoj estis inter 1/4 ĝis sama grandeco. Fakte Arabio havas pli ol dekokoblan grandecon de Italujo.

Antaŭ nelonge ankoraŭ parolante pri la unu kaj duona miliardo da homaj loĝantoj de nia Tero, grandstile subtrahante cent milionojn de la 1,6 miliardoj, ni nun mallonge kaj decideme parolas pri la ĉ. du miliardoj, kvankam estas nur 1,8 miliardoj.

Ke la plej alta monto de la Tero estas 8800 m alta, tion sufiĉe ofte konigis al ni la filmoj, artikoloj ktp. pri Monto Everesto. Sed ĉu vi ankaŭ scias, kiom elstarus super la akvo la Everesto, se vi subakvigus ĝin norde de Filipinoj? Ĝi tute ne elstarus, sed vi devus starigi super ĝian supron ankoraŭ tri Eiffel-turojn por superi la ankoraŭ mankantajn 900 m. Ĉi tio ja ŝajnas grandegaj mezuroj, kiam ili estas konsiderataj vertikale. En la horizontalo la enorma marprofundeco povus esti trapaŝata dum duhora promenado.

Se vi demandus vian surprizitan najbaron, kiom granda li imagas la plej grandan kontinentan maron de la Tero, la Kaspian maron, rilate al la plej granda insulo de la Tero (Grand-Britujo) kaj li respondus „duoble tiom granda", vi povus por tiu neatendite vera respondo, kiel premion al li sciigi, ke tiu kolosa kontinenta maro kuŝas 26 metrojn sub la marnivelo.

En Ĉilio ekzistas vilaĝo de duobla strangeco: unue ĝi nomiĝas preskaŭ ne elparoleble Chupiquinamine kaj due ĝi reprezentas la plej altan loĝatan punkton de la Tero. Ĝiaj loĝantoj spiras 5600 metran altaeron. Tio nepre estas pli agrabla ol malsupreniri apud Czuchow en Supra Silezio



*Kvar ĉarmaj esperantistinoj-sportistinoj.*

*Ĉu ili ne plaĉas al vi? Estas hungaraj samideaninoj Matildo Jurák, Irenjo Berger, Margareto kaj Ella Ellenbogen. Ili estas membroj de sportamika sekcio de Hungara Esp. Societo Laborista kaj sukcese partoprenis stafeton de 4 × 100 m ĉe laborista atletika kaj gimnastika konkurso pro la laborista sporta ĉampioneco de Hungarujo 1926. Gvidanto de la sporta sekcio estas s-ano Jozefo Feldmann, Rottenbiller u 66-3-38, Budapest, Hungarujo.*

2240 metrojn en la plej profundan bortruon de la Tero, ĉar tie malsupre regas temperaturo de + 83° C. Sed denove: se tiu ĉi bortruo kuŝus horizontale, ĝi (kiel tunelo) tute ne estus atentata, ĉar la plej longa horizontala bortruo, la Simplon-tunelo (en Svisujo), havas preskaŭ dekoblan longecon.

Trabori monton nepre ŝajnas pli facile ol superpontigi akvon, ĉar la plej longa ponto, apud Czernavoda (= freŝakvo) sur Danubo (Rumanujo) ankoraŭ ne mezuras 4 kilometrojn, do nur kvinonon de la plej longa tunelo. Anstataŭe, tiu ponto havas la gloron, plej proksime post la tri gigantoj: Eiffel-turo (Parizo, 300 m), antenturo de Naŭen (Germanujo, 260 m) kaj antenturo de Eilvese (250 m), esti la plej alta konstruaĵo de la Tero. Tio estas la Manhattan-ponto en Nov-Jorko, kies turoj kun 229 m estas ankoraŭ unu metron pli altaj ol la Woolworth-konstruaĵo (en Nov-Jorko).

La fervojaj relo sur nia planedo jam delonge superis milionon da kilometroj, kaj oni povus jam oportune surmeti la mizerajn 340 000 km ĝis la luno per duobla relaro; kaj ĉe tio restus ankoraŭ okobla relzono por la ekvatoro.

Dume ankaŭ la urbegoj superis siajn rekordojn. Granda Nov-Jorko „gvidas" kun 8,5 milionoj da loĝantoj. Sekvas Londono kun 7,5, Parizo kun 4,5, Berlino kun 4, Chicago kun 3,1 kaj Tokio kun 2,2 milionoj. Sed Berlino kun sia kvara loko tamen povas nomi rekordon; ĝi ampleksas inter ĉiuj urboj de la Tero la plej grandan terenon: 878 kvadrat-kilometrojn. La kvar plej grandaj urboj kun entute 25 milionoj da loĝantoj havas tiom da popolo en siaj muroj, kiom la landoj Aŭstrio, Nederlando, Danujo, Svedujo kaj Norvegujo kune. Kelkiu neŭrastenulo en la grandurboj rigardas envie al la trankvilaj monaĥejoj de la mezepoko. Li ne scias, ke eĉ hodiaŭ ekzistas en Eŭropo tuta monaka respubliko, sed (atentu, voĵaĝemulo!) konsistanta nur el 5140 *viroj*, sur la monto Athos en Grekujo (Makedonio).

El „Wiener Journal" trad. *Heinr. Fahnl.*

## Nova longa tunelo

estas konstruata por la linio Firenze-Bologna en Italujo. La nova tunelo havos longecon de 18 510 m (Simplon-tunelo = 19 803 m). La laboroj estas malfacilaj, ĉar la tertavoloj, tra kiuj la tunelo devas esti borata, konsistas el sabloŝtono kaj argilo; tial la konstruado bezonigas grandajn apogajn konstruaĵojn el ligno kaj ŝtalo. La laboroj de la Simplon-tunelo, kiu iras tra granito kaj gnejso, estis pli facilaj. La Simplon-tunelo konsistas propradire el du apudaj tuneloj, kies ĉiu havas nur unu relparon, dum la nova tunelo havos du relparojn. La nova tunelo estas komencita jam en 1913. Nun oni daŭrigas la laborojn je pli granda energio, kaj oni esperas, ke ĝi estos preta en 1930.

## Elektra lumo por la Dalai Lama.

Antaŭ nelonge estas konstruita en Lhasa (Tibeto) la unua elektrofarejo. La palaco de Dalai Lama estis la unua konstruaĵo, kiu estas provizita per lumo. *ch.*

# Diversaĵo.

## La rapideco de struto.

En „La Suda Kruco", s-ro P. H. rakontas interesan epizodon: Dum mia vojaĝo tra Afriko, kie oni edukas strutojn multnombre, mi faris ekskurson per aŭtomobilo sur vojo, ĉe kies unu flanko troviĝas ferbarilo, kaj digo ĉe la alia. Ni veturis po 20 mejloj en horo, kiam struto aperis sur la vojo antaŭ ni. La veturigisto penis per krioj forpeli la birdon, sed vane; tiam li plirapidigis la aŭtomobilon, ĝis ni veturis 25 mejlojn en horo, sed la struto ankoraŭ kuris antaŭ ni, uzante la mallongajn flugilojn de tempo al tempo por plirapidigi la kuradon, kiam la aŭtomobilo tro proksimiĝis al ĝi. La struto jam kuris pli ol unu mejlon, antaŭ ol oportuna loko ebligis ĝin lasi la vojon. Ŝajne la rapida kurado ne lacigis la struton, ĉar kelke da minutoj poste ni povis vidi ĝin ankoraŭ kuranta.

## „Etaj" sciigoj el Usono.

La plej alta domo en Usono estas nun konstruota en Detroit. Ĝi havos „nur" 85 etaĝojn. Nun la plej alta konstruaĵo ankoraŭ estas la Woolworth-domo en Novjorko kun 55 etaĝoj.

La Universitato de Pittsburg komencos en tiu ĉi jaro la konstruadon de „Katedralo de lernado", kiu havos „nur" 33 etaĝojn.

Grafo Ilja Tolstoj aranĝis la enhavon de la fama libro „Resurekcio" de sia patro por filmigi

mi sian dekstran manon! Kiu havas la plej belan manon, estos reĝo post mi.

Nun la unua demetis sian ganton kaj donis venkocerte la dekstran manon al la patro. Ĝi estis blanka kaj maldika kaj bonodoris je mosko. Sed la maljuna reĝo skuis la kapon. —

La mano de la dua reĝido estis ornamita per multekostaj ringoj, kaj la ungo de la malgranda fingro lumetis kiel rozkolora ŝoveliio. Sed la maljuna reĝo skuis la kapon. —

La mano de la tria princo estis brunigita de la suno, kaj la reĝo sentis malmolajn kalojn. Ĉiuj korteganoj fortiris la buŝojn. Sed la maljuna reĝo kapbalancis ĝoje kaj donis al la tria princo la reĝan kronon. *Fr. Mimler.*

## Malgranda princidino.

Serbe verkis *J. Dučić.*

Malgranda princidino, kies haroj havis koloron de la luna lumo, kies okuloj estis bluaj, kaj kies voĉo havis odoron de flavaj rozoj, — malgranda princidino estis laca de l' vivo, kaj ŝi estis malgaja.

Ŝi, sur siaj larĝaj marmoraj terasoj super la maro, apud grandegaj vazoj, en kiuj kviete mortadis ŝiaj krizantemoj, ploris tute kaŝe dum malhelaj vesperoj. Ŝia necerta nostalgio kaj nekonata malĝojo lacigadis ŝian sangon kaj ŝian korpon, kiuj estis tute similaj al sango kaj korpo de la lilioj.

Kaj dum la varmaj noktoj, kiam la aero estas plena de l' stelara polvo, kaj dum sur mallumaj muroj dormas kvietemaj pavoj, kaj ĉiuj floroj malfermadas siajn korojn, malfermis sin ankaŭ la koro de la malgranda princidino. Tial tiuj noktoj estis tiel plenaj de malgajeco kaj de varmo.

Kiam ŝi mortis neaŭdata kaj silenta same kiel ŝiaj krizantemoj, longe batis la malnovaj sonoriloj de la katedralo, kaj ilia voĉo estis kvieta kaj solena kvazaŭ voĉoj de longe mortintaj pastroj.

Tradukis *Rud. Sigl,* Daruvar.

## Sentencoj.

Kolektis *D-ro J. E. Schweiker.*

### Seriozeco.

Serioza afero estas vera ĝojo. (Seneca.)

### Vivo kaj arto.

Serioza estas la vivo, serena la arto. (Schiller.)

### Amikeco.

La samon voli kaj la samon ne voli, tio sola estas neŝanĝebla amikeco. (Sallustius.)

Sen amikoj ni ne povas havi perfektan vivon. (Dante.)

### Kulturo.

Kiu en belaj aĵoj trovas belan sencon, posedas kulturon. (O. Wilde.)

### Rememoro.

Rememoro estas la sola paradizo, el kiu ni ne povas esti forpelataj. (Jean Paul.)

## Ŝercoj.

### Prudenta patro.

Li estis ĉefdirektoro de granda kompanio. Pro tio ne estis malfacile por li provizi sian filon jus finintan la lernejan instruadon je direktoreca posteno.

„Granda pozicio por homo tiom juna!?" diris amiko al li.

„Certe, li dekomence havas bonan postenon," subridante respondis la patro.

„Kial vi ne preferis lin komencigi de malsupre?" demandis la alia.

„Ĉar mi ne kredas, ke tiukaze li estus suprenveninta."

### Malprudenta patro.

Patro, kiu multe fieris pri siaj ankoraŭaj scioj en la latina lingvo, verkis, helpante al sia filo, ties latinan hejmlaboron.

Venintan tagon demandas la patro sian filon, kiel la profesoro prijuĝis la laboraĵon.

„Ho," respondis la filo, „la sinjoro profesoro diris al mi, ke mi ĉiutage fariĝas pli malsaĝa."

### La nazo de l' kapitano.

Patrino: Mia infano, hodiaŭ estos multaj gastoj ĉe la vespermanĝo. Estu bona kaj ne parolu malsaĝaĵojn! Precipe ne parolu pri la nazo de l' kapitano!

Oni sidas trankvile ĉe la vespermanĝo. Subite ekparolas la infano: Panjo, kial vi diris, ke mi ne parolu pri la nazo de l' kapitano? Li ja tute ne havas nazon

(Hung. esperantisto.)

# Enigma angulo.

## Krucvort-enigmo.



La *horizontalaj* vortoj signifas: 1. utila insekto, 4. moderna inventaĵo, 7 parto de Aŭstrio 9. prepozicio, 11. scienca aserto, 12. prefikso, 13 diservo, 15. prepozicio, 16. akvujo, 17. samsono, 18. flinsekto, 20. parto de fervojo, 22. sufikso, 23. provizi per armiloj, 25. adverbo, 26. dekoraĵo, 28. naciano, 29. aĵo en la homa korpo.

La *vertikalaj* vortoj signifas: 1. lando en Azio, 2. sufikso, 3. ripozilo, 4. floro, 5. prepozicio (kiel 9. horizontale), 6. indiĝena kulturpopolo en Sudameriko, 8 movigi sur akvo, 10. legenda duonsimia raso, 12. pelthava besteto, 14. spicaĵo, 15. almovi, 18. epidemio, 19. subbruleti, 21. sovaĝa besto, 23. parto de cirklo, 24. besto el familio de musteloj, 26. metalo, 27. pronomo.

Ĉiuj vortoj sen gramatika finaĵo.

Solvo en n-ro 3.

## Solvoj el n-ro 1.

### 1. Silab-enigmo.

1. Violo, 2. Edison, 3. Radio, 4. Danubo, 5. Azeno, 6. Siamo, 7. Turgenjev, 8. Ezoko, 9. Lanterno, 10. Oriento.

— Verda Stelo.

### 2. Krucvort-enigmo.

*Horizontale:* 1. hamak, 5. kiras, 10. ebur, 12. lice, 13. leĝ, 14. rab, 16. mir, 17 il, 18. dolar, 20. du, 21. kabinet.

*Vertikale:* 1. helik, 2. abel, 3. muĝ, 4. ar, 6. il, 7. rim, 8. acid, 9. serur, 11. kali, 14. rob, 15. ŝban, 18. da, 19. re.

## Verda Stelo kostas

por 15 monatoj (okt. 1926 ĝis dec. 1927) por simpla abono sv. fk. 3.—; por kolektiva abono sv. fk. 2 40 (se estas mendataj minimume 5 abonoj al sama adreso), sv fk. 1.80 (se estas mendataj minimume 10 abonoj al sama adreso) kaj sv. fk. 1.50 (se estas mendataj minimume 25 abonoj al sama adreso). Egalvaloron de diversaj valutoj vidu sur la titolo!

ĝin en Kalifornio. Titoloj kaj tekstoj de la filmo estas en Hollywood tradukataj „nur“ en 38 lingvojn.

*R-n*, New York.

### La ĉefaj havenoj de la mondo.

Sekvantaj naŭ havenoj havis en 1925 debiton de pli ol 10 milionoj da tunoj:

| | |
|---|---|
| New York | 19 654 000 |
| London | 17 161 000 |
| Antwerpen | 17 017 000 |
| Rotterdam | 16 059 000 |
| Hamburg | 15 336 000 |
| Shanghai | 15 142 000 |
| Liverpool | 13 273 000 |
| Buenos Aires | 12 306 000 |
| Cherbourg | 10 933 000 |

### La potenca Mussolini.

Eĉ liaj kontraŭuloj ne povas nei, ke en multaj rilatoj la regado de la diktatoro estas utila al la itala popolo. En pasinta jaro li aranĝis „tritikbatalon“, kies soldatoj estis la agrikulturistoj. Li donis al tiuj „soldatoj“ la taskon produkti sur ĉiu hektaro 50 kg da tritiko pli ol ĉe la pasinta rikolto. La rezultato estis bonega, ĉar malgraŭ nefavora vetero la tutrikolto donis tri miliardojn da kilogramoj, anstataŭ la atendeblaj du kaj kvarona miliardoj. La unuan premion (20000 lirojn kaj motorplugilon) ricevis sicilia kampulo, kiu sur areo de 80 hektaroj sukcesis triobligi la rikolton (de 500 al 1500 kg po hektaro). Mussolini esperas, ke en venonta jaro oni povos plialtigi la rikolton ĝis tri miliardoj kaj sepcent kvindek milionoj da kilogramoj.

### Ili ne volis esti liberigataj . . .

ĉar pli bonan vivon ili ne povis interŝanĝi. La temo estas pri kristanaj edzinoj de araboj. Laŭ komisio de Ligo de Nacioj, la anglino f-ino Jeppe vojaĝis Sirion por liberigi junajn kristanajn virinojn el la haremoj de araboj. Dum kvarjara agado la komisiono de f-ino Jeppe liberigis 1400 virinojn, plejparte armeninojn, kiuj estis en sia infanaĝo de la propraj gepatroj venditaj al araboj aŭ kiuj estis rabitaj kaj aŭkciitaj en la sklava foiro. Plej malfacile estis interkomunikiĝi kun la severe gardataj knabinoj kaj informi ilin, ke ili estas liberigotaj, se ili tion deziras. Plej ofte la interkomunikadon peradis lavistinoj, kiuj havis liberan aliron al la haremoj. Multaj knabinoj tamen ne deziris sian liberiĝon. Ili estis tute kontentaj pri sia sorto, ekamis sian edzon-majstron kaj ne emis interŝanĝi sian oran kaĝon por vivo de laboro.

## Kuloj.

Kiu ne konas la bestetojn kun longaj kruroj kaj eĉ pli longaj pikiloj, kiuj svarme dancadas en la varma aero de la somervesperoj? Sed ordinaraj homoj scias malmulte pri ĉi tiuj insektoj krom la fakto, ke ili pikas, kaj ofte tro pikas. Eĉ scienculoj ne multe diras pri kuloj escepte, por malbeni ilin, speciale kiam la kulo uzas sian pikilon por suprengrimpi ĝis la pinto de kalva, glata kapo — same kiel alpisto uzas grimpbastonon.

Serĉante miajn librojn, mi multe interesiĝas pri la diversaj specoj de kuloj kaj iliaj ofte strangaj nomoj. Mi trovis kvin specojn, kiuj nomiĝis per nur unu alfabeta litero — same kiel submarboatoj. Jen ili: La *O kulo*, kiu tre bone vidpovas; la *E-kulo*, kiu tre subite aliigas la flugdirekton; la *L-kulo*, kiu ĉiam troviĝas super la sama terpeco; la *V-kulo* kaj la *M-kulo*, kiuj ĉiam iradas kune; la unua kriaĉas kompatinde por altiri bonkorulojn, sed ili nur trovas la pikilon de la dua. Similajn morojn havas la *Logi-kuloj*, kiuj estas tre lertaj.

Konata profesoro antaŭ nelonge anoncis la eltrovon de nova speco, kiu skribis en la aeron simile al reklamon skribanta aeroplano. Li ĝin nomis *In-kulo*, sed ĝi estis nur la kul-ino. Ŝi ne povas paroli kiel ni, tial ŝi skribadas siajn opiniojn pri modoj, edzoj, infanoj, k. c. en la aeron. Alia scienculo ankaŭ eraris pri kulo. Unu tagon li subite blasfemis, kaj kiam iu demandis al li, kio lin mordas, li ekkriis: *„For, fi-kulo*[1]*!“* La demandinto povis certigi, ke la kulpa insekto estis longforma bruna besteto kun granda pinĉilo ĉe la vosto — certe ne kulo.

Oni iom dubas pri speco nomita *Se-kulo*; ĝi supoze troviĝas en Usono. Sed estas nenia dubo pri *Ver-kulo*, kiu kutime skribadas literaturaĵojn. Kuloj ofte troviĝas en la proksimo de akvo, speciale lagetoj. Tie oni povas vidi la *Ban-kulon*, tre puran kaj riĉan specon; kaj ankaŭ la *Vel-kulon*, kiu iras sur la akvo kiel ŝipo sed ĝuas tre mallongan vivon.

Mi konfesas, ke mi estas iom grasa viro, sed mi ne povas kompreni, kial iu profesoro insultis min pri tio, kiam mi petis lian opinion pri kuloj. Jen lia malafabla respondo: „Nenian bonan vorton mi povas diri, *Porkulo*[2].“ Tamen sen lia helpo mi eltrovis la faktojn sekvantajn:

Du malsanoj estas troveblaj inter la kuloj. Troviĝas la *Tuber-kulo*, kaj la *Ve-kulo*, kiu ne povas dormi.

Eksterlanda speco estas la *Dan-kulo*; en aliaj landoj ili ne estas tiel ĝentilaj. Speco tre malŝatita de la homoj estas la *Ven-kuloj*, kiuj venas kaj venkas antaŭ ol oni ilin vidas. Tre moderna estas la *Radi-kulo*, kiu konstruas ricevilon el la malsupraĵoj de plantoj.

Speco nomita *Ŝel-kulo* neniam portas zonon ĉirkaŭ la talio, sed havas tre fortikan haŭton. La *Kal-kulo* tiel nomiĝas, ĉar ĝi nur atakas homojn kun dolorantaj piedoj, kaj tiam ili povas nombri la dolorojn.

Kvankam ekzistas *Ju-kuloj*, neniam troviĝas *Des-kuloj*, des pli bone! Sed kiu scias, ke la kuloj estas religiaj? Tamen estas vere. Ĉiuj estas *Pi-kuloj* kaj multaj estas *Tro-pi-kuloj*. Ili ĉiuj adoras *Di-kulojn*.

La plej eksterordinaran fakton mi tenis ĝis la fino de mia skizo. *Tri-kulinoj* povas fari ŝtrumpetojn! Tre utilaj besteto', ĉu ne?

Originale verkis

*Wilfried M. Appleby*, Cheltenham.

[1] Forfikulo.
[2] . . . por kulo.

## Ne sendu manuskriptojn

por Verda Stelo, escepte de interesaj, mallongaj, originalaj artikoloj. Tradukojn ni havas amase.

## Lingva tasko.

### Korektota teksto.

(Hodiaŭ ni donas kiel taskon nur unu longan malbonstilan frazon. Tiu ĉi frazo estas dividota je kelkaj mallongaj kaj bonstilaj frazetoj. Kompreneble, ekzistas diversaj bonaj solvoj de tiu ĉi tasko, unu el kiuj ni publikigos en la decembra numero)

Kiam mi antaŭ kelkaj semajnoj en la urbo estis, vizitis mi ankaŭ la aŭtomobilakcesorajfabrikon de mia onklo, kiu tre afabla homo estas kaj al mi ĉiujn ejojn kaj maŝinojn montris kaj klarigis, mi estante tute nespertulo sed multe interesiĝante pri maŝinoj kaj dezirante mem taŭga inĝeniero fariĝi, pro kio mi la supermaŝinkonstrulernejon viziti deziras, kion ankaŭ la gepatroj miaj konsentas, ĉar ili min kapabla homo fariĝi volas.

### Solvo

el la oktobra numero.

Karlo staris ĉe la bordo de l' rivero, la manojn en la poŝoj de sia pantalono (aŭ: la manoj en la poŝoj de lia pantalono), kaj rigardis ĝian akvon, sur kies klara supraĵo respeguliĝis lia staturo. Poste li levis siajn okulojn kaj direktis la rigardojn trans la riveron. Tie, sur la alia bordo, li vidis homojn starantajn (aŭ: starantaj) apud siaj boatoj. Du el ili saltis en la riveron, per siaj fortaj brakoj dispuŝis la akvon de la rivero kaj naĝis tra ĝiaj ondoj al Karlo. Kiam ili alproksimiĝis, Karlo ekkonis en ili Petron kaj Jozefon, siajn iamajn lernejajn kamaradojn, kiuj ankoraŭ nun estis liaj bonaj amikoj. Nun ili alvenis kaj saltis sur la bordon. Karlo bonvenigis ilin, kaj ili etendis al li siajn manojn, kiujn li forte premis.

*Rim. de red.* — Kvankam ne logis premio, multaj gesamideanoj, pro nura intereso, sendis al ni la solvon de la lingva tasko (kaj de la enigmoj) en la pasinta numero, inter ili 8-jara infano, la plej juna kongresanino de la XVII-a, fraŭlineto Ursula Döring el Freiburg i. Br., kiu tre bone solvis la lingvan taskon.



## Anoncetoj.

(Klarigoj: L = leteroj, PK = poŝtkartoj, PI = poŝtkartoj ilustritaj MP = poŝtmarkoj, MB = monbiletoj, kĉl. = kun ĉiuj landoj, bfl. = Poŝtmarkoj bildflanke.)

VERDAJ PERLOJ por la brodado de festkostumoj. Prezo po mil 1 rmk aŭ egalvaloro. S-ro J. Collier, 181 Frederick Rd., Aston Birmingham, Anglujo.

Seriozan PM-interŝanĝadon kun ĉiuj mondpartoj deziras instruisto Theo Hollenbeck, Horrem bei Köln, Germanujo. Ne sendas unue. Respondas certe.

19-jara junulo deziras korespondi per PI (bfl) kaj interŝanĝi PM kun fraŭlinoj kaj sinjoroj en la sama aĝo. Por duona dolaro mi sendos 100 ekz. da plej bonaj PM ĉehoslovakaj. S-ro St. Maupic, Del. de UEA, Kardašova Řečice, Ĉehoslovakio. Certe respondos.

Pri pentroarto kaj aliaj temoj deziras korespondadi K-do B. Birjukov, Perm, Ĥudojestvennyj Teĥnikum, Sovetunio.

S-ro M. Martorano, S. Miniato, Pisa, Italujo, deziras interŝanĝi PM kĉl. laŭ Yvert 1927. Donas italajn, koloniajn ktp.

S-ro Andrés Fiol, str. Peregil 9, Palma, Baleares, Hispanujo, deziras interŝanĝi PI kaj PM kun gesamideanoj el Skotlando, Islando, Finnlando, Danujo, afrikaj kaj sudamerikaj landoj. Nepre respondos.

F-lo B Inkret, Ljubljana, Univerza, Jugoslavio, deziras korespondi kun fraŭlinoj ĉiulandaj per PI kaj L.

Mi deziras korespondadi kĉl. per PI. Respondo garantiata. Bruno Rönnebeck, Berlin N. 20, Koloniestr. 129, Germanujo.

Neŭtrala Esperanto Unuiĝo deziras korespondadi kun eksterlandaj esp. grupoj ĉefe letere kaj P. I. Esperantista Unuiĝo, Bad Reichenhall, Gastejo Blaue Traube, Germanujo.

F-ino M. Simane, Dagda, Alejas str. 4, Latvio, deziras korespondadi kĉl. pri diversaj temoj per L kaj PI.

S-ro Theod. Studer, studento, Horgen ĉe Zürich, Svisujo, deziras korespondadi kĉl sed nur pri politiko aktuala.

S-ro Adalberto Levai, drogisto, „Sana drogerio“, Bratislava, Hadža nm. 8, Ĉehoslovakio, deziras korespondadi kun ĉiulandaj gesamideanoj. Respondos certe.

S-ro Max Gross, Berlin-Spandau, Schäferstr. 14, Germanujo, deziras korespondadi per PI (bfl.) aŭ L kĉl. Mi certe respondos.

S-ro Gunnar Nyström, 24-jara fraŭlo, Grebbestad. Folkhögskolan, Svedujo, deziras korespondi per PI kĉl.

S-ro Adolf Nettelbeck, Charlottenburg, Cauerstr. 16, Germanujo, deziras korespondi kun eksterlando. Respondo garantiata.

F-ino Dora Doose, Flensburg, Nordergraben 62, Schleswig-Holstein, Germanujo, interŝanĝas PM (ankaŭ donas danajn) kaj PI.

F-ino Erna Schmitt, 22-jara, Kaiserslautern, Bleichstr. 27, Germanujo, deziras korespondadi kĉl.

S-ro Julio Magyar, Központi gépház, Tatabánya, Hungarujo, interŝanĝas PI kaj L kĉl.

Junaj esperantistoj apartenantaj al Kristana Ligo de Junaj Viroj deziras korespondi kun samideanoj el ĉiuj landoj. Adreso: S-ro Carl Vikstén, Nässjö, Svedujo.

F-ino Jeanne Moyersoon, Bruxelles, 16 rue de Birmingham, Belgujo, deziras interŝanĝi PM kaj PK.

F-ino Betsy Van den Steen, rue Rogier 132, Bruxelles, Belgujo, deziras interŝanĝi PM kaj PK.

S-ro M. Michalski, Berlin-Friedenau (Germ.), Stubenrauchstrasse 30, deziras interŝanĝadon de PI (bfl) kun eksterlandanoj.

Kiu deziras kĉl. fidindan interŝanĝadon de PM? Mi donos ruman-okupacian hungaran, ĉehan laŭ bazo Zumstein kaj Michel. Štefano Mayer, juristo, Horna okruž ia 26, Prešov, Ĉehoslovakio. Tuj kaj nepre respondos.

Kvin kursanoj volas korespondadi kun ĉiulandanoj pri ĉia temo. Skribu al ni multaj, ni certe respondos. Adreso: K-do Trebitch Ludoviko, Ujpest, Rákóczy u 24, Hungarujo.

Grupo de studentoj-orientalistoj de Mez-Azia Regna Universitato (fakoj: turkologia, iranologia kaj pedagogia) deziras serioze interkorespondadi ĉu kolektive, ĉu individue kun samfakanoj el ĉiuj landoj pri studado de Oriento kaj studenta vivo. La leterojn oni adresu: Orienta fakultato, al Internacia Korespondejo, Taŝkent, str. de Karl Marks 6, USSR.

Samideanoj ĉiulandaj! Mi deziras korespondadon kĉl. per L kaj PI (bfl.). Skribu al mi ĉiam. Mi certe kun ĝojo respondos. L pri iu temo. Deziras daŭran korespondadon. S-ro Rudolf Dix, Del. de UEA, Zeulenroda Thür., Greizerstr. 34, fermagazeno, Germanujo. [2

S-ro Josep M. Terradas, str. Sant Rafel 26, tabakvendejo, Barcelona, Hispanujo, deziras korespondi kun la tuta mondo. Ĉiam respondos.

S-ro Szaban Nandor, komercisto, Debrecen, Cegledstr. 22, Hungarujo, deziras interŝanĝi PM nur seriozajn laŭ nombro aŭ katalogo Michel. Tuj respondos.

S-ro Gustav Telander, Bjuv, Freden 117, Svedujo, deziras PI montrantajn karb- kaj alispecajn minejojn de la tuta mondo. Interŝanĝe sendas kartojn laŭdezirajn.

Vigiaj, spritaj fraŭlinoj el la tuta mondo! Korespondu per PI kaj L kun mi, 21-jara arĥitektura studento, Fritz Doleschal, Haida, Nordbohemio, Ĉehoslovakio.

S-ro Jozef Hrabě, ano de UEA, Praha XII, na Kozačce 8, Ĉehoslovakio, interŝanĝas PM laŭ Yvert aŭ Michel eĉ po peco. Respondas senprokraste.

S-ro Heino Heitmüller, instruisto, Bremen 9, Waller Heerstrasse 134, Germanujo, deziras seriozan korespondadon kun perfekta franca kolego.

S-ro Walter Wolf, fervojasistanto, Leipzig, Güterabfertigung Bayrischer Bahnhof, Germanujo, deziras korespondadi kun la tuta mondo per L, PK, PI (bfl). Ankaŭ interŝanĝas PM, fotografaĵojn kaj gazetojn ilustritajn. Certe kaj ĉiam respondos.

K-do Max Krauspe, Schweidnitz i. Schl., Bahnhofstr. 4, Germanujo, deziras korespondi kun eksterlandanoj per PI (bfl.) Gl. MB kaj L. Tuj respondos.

Laŭleĝe deviga teksto nacilingva: Verlag und Druck (Eldonejo kaj Presejo): Gebr. Jung, G. m b. H, Horrem bei Köln. Verantwortlicher Schriftleiter (Respondeca Redaktoro): Teo Jung, Horrem b. Köln